Nº 13
JUL/84

INFORMA BULTENO DE BRAZILA ESPERANTO - LIGO
Boletim Informativo da Liga Brasileira de Esperanto
Praça da República, 54 - 2º andar - Tel. 232-6309
20.211 - RIO DE JANEIRO - BRASIL

## BEL KAJ LA UNUA SEMESTRO DE 1984

### Sekretariaj Informoj

En la unua semestro de ĉi tiu jaro, la Sekretario de BEL efektivigis la jenajn laborojn:

1. Aliĝoj al UEA: (ĝis la 30/06)

| MA | MJ | MA-K | MJ-K | Ind.Memb. | SZ | SA | Kto |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 58 | 02 | 02 | 04 | 66 | 01 | 09 | 09 |

2. Abonoj al Heroldo de Esperanto: 19
3. Abonoj al "El Popola Ĉinio": 36
4. Diplomoj liveritaj: 13 (Baza); 13 (Progresiga); 01 (Supera) = 27 (Entute).
5. Eldonitaj Dokumentoj: 203 leteroj; 30 fakturoj; 556 enspeznotoj; 81 rembursaj enspeznotoj.

### Kulturaj Kunvenoj

Inter januaro kaj junio, okazis pluraj kulturkunvenoj en la sidejo de BEL. Jen la plej elstaraj:

| Dato | Prelegito | Temo |
|---|---|---|
| 31/03 | Helmar Frank | Mezurado de la Inteligenteco kaj Kibernetiko |
| 26/05 | Ivica Spojarec | Metodo ZAGREB |
| 02/06 | Ivica Spojarec | Hodiaŭa Jugoslavio |
| 30/06 | Victor Sadler | Ĉu UEA estas universala? |

Krome, en la 2-a de aprilo, Prof. Frank ankaŭ prelegis pri la sama temo ĉe "Fundação Getúlio Vargas kaj ĉe "Faculdade de Educação da Universidade Federal Fluminense"; la 23-an de majo, S-ro Spoljarec prelegis ĉe "Sociedade Hebraica do Rio de Janeiro", pri "Internacia Kultura Servo".

*******************************************************************************

## MALLONGE ... PRI LA BRAZILA MOVADO

- Revuo "Geração Prológica", en sia maja eldono, publikigis leteron de S-ro Fernando Marinho (la prezidanto de BEL) pri "Komputilo Esperanto".
- S-ano Ramiro B.Castro (Rua Diogo Móia, 1156, 66.000-BELÉM, Pará) publikigis utilegan "Amazônia Esperantista Adresaro" kun ĉirkaŭ 70 adresoj en 20 urboj de tiu regiono.
- Eldonejo Shogun Arte Ltda. (Caixa Postal 43.021, Copacabana, 22.052-RIO DE JANEIRO, RJ) aperigis verkon NOVA LITERATURA BRASILEIRA kiu enhavas tre interesan rakonton pri esperanto verkitan de nia S-ano Celso Martins al kiu oni povas sendi gazetajn eltranĉaĵojn pri la evento(Caixa Postal 61.003, Marechal Hermes, 21.613-RIO DE JANEIRO, RJ).
- Nia S-anino Lilia L. da Silva (Rua Maria Aparecida Anacleto, 111, 04809-SÃO PAULO, SP) estas la brazila peranto por la revuo "Kancerkliniko", "la revuo kiu ĉiunumere perdas la plej grandan nombron da abonantoj" (Kultura, Politika, Skandalema, Ajnista Revuo).
- Revuo INFORMATIVO/FUNDAÇÃO GETÚLIO VARGAS publikigis, en sia junia numero, du-paĝan recenzon de Aloisio Sartorato (Kasisto de BEL) pri la verko "Aŭdu kaj Lernu - Legolibro 1, de S.Chaves.
- Escola Superior de Guerra (Supera Lernejo pri Milito) publikigis prospekton pri siaj aktivecoj en la portugala, itala, hispana, germana, franca kaj angla lingvoj kaj inkluzive esperanto.

## PRIPENSINDAJ CIFEROJ

Estas tre kutime esperantisto aŭdi la jenan demandon: kiom da personoj parolas Esperanton en la tuta mondo?

Ĝenerale, oni informas ke estas malfacile doni precizan respondon al tiu demando, sed oni taksas, ke, en la tuta mondo, ekzistas inter 1 ĝis 2 milionoj da Esperanto-parolantoj.

Pro tio, estas tre malĝojiga la fakto, kiam ni trarigardas la ĉi-suban tabelon kaj konstatas, ke, en Brazilo, ekzistas nur 382 esperantistoj (membraro de BEL - stato je la 30/06/84).

Sed ĉu tiu cifero respondas al la realo? Eble ne, ĉar vidu:

- pri nura lernolibro, eldonita de FEB (Primeiro Manual de Esperanto), jam estis presita pli ol 100.000 ekzempleroj;
- ĉe BEL, ekde 1978, estas registritaj 1.846 membroj, kvankam nur proksimume 500 regule pagas la jaran kotizon;
- en 1981, okaze de la Universala Kongreso en Brasília, el 1.700 kongresanoj preskaŭ 1.000 estis brazilanoj;
- finfine, respondu ĉu vi sincere kredas (nur kiel instigaj ekzemploj!) ke:

a) en la tuta norda regiono de Brazilo ekzistas nur 2 esperantistoj?

b) en Pernambuco ekzistas nur 7 esperantistoj?

c) en la tuta ŝtato São Paulo ekzistas malpli da esperantistoj ol en ŝtato Rio de Janeiro?

d) en la tuta Brazilo ekzistas pli da simpatiantoj de Esperanto (MS= 199) ol propradire esperantistoj (M1 + M2 = 131 + 18 = 149) ?

FRUKTODONAN REZONADON!

### BEL-MEMBRARO (ĝis 30/06/84)

| Ŝtato | MS | M-1 | M-2 | Ent. | DM | BM | Entute |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AC | - | - | - | - | - | - | - |
| AM | - | - | - | - | - | - | - |
| PA | 02 | - | - | 02 | - | - | 02 |
| AP | - | - | - | - | - | - | - |
| RO | - | - | - | - | - | - | - |
| RR | - | - | - | - | - | - | - |
| Nordo | 02 | - | - | 02 | - | - | 02 |
| MA | 01 | - | - | 01 | - | - | 01 |
| PI | - | 01 | - | 01 | - | - | 01 |
| CE | 02 | 02 | 01 | 05 | 01 | - | 06 |
| RN | 01 | - | 01 | 02 | - | - | 02 |
| PB | 02 | 01 | - | 03 | - | - | 03 |
| PE | 03 | 03 | - | 06 | 01 | - | 07 |
| AL | - | 01 | - | 01 | - | - | 01 |
| SE | 01 | - | - | 01 | - | - | 01 |
| BA | 04 | 05 | 01 | 10 | 01 | - | 11 |
| Nordoriento | 14 | 13 | 03 | 30 | 03 | - | 33 |
| ES | - | 01 | - | 01 | - | - | 01 |
| MG | 19 | 17 | 01 | 37 | 02 | - | 39 |
| RJ | 87 | 54 | 12 | 153 | 18 | 03 | 174 |
| SP | 34 | 31 | 02 | 67 | 04 | 01 | 72 |
| Sudoriento | 140 | 103 | 15 | 258 | 24 | 04 | 286 |
| PR | 26 | 05 | - | 31 | 02 | - | 33 |
| SC | 03 | 01 | - | 04 | - | - | 04 |
| RS | 07 | 05 | - | 12 | - | - | 12 |
| Sudo | 36 | 11 | - | 47 | 02 | - | 49 |
| DF | 04 | 02 | - | 06 | 01 | - | 07 |
| GO | 01 | 02 | - | 03 | - | - | 03 |
| MT | 01 | - | - | 01 | - | - | 01 |
| MS | 01 | - | - | 01 | - | - | 01 |
| CentrOkcidento | 07 | 04 | - | 11 | 01 | - | 12 |
| B R A Z I L O | 199 | 131 | 18 | 348 | 30 | 04 | 382 |